# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono.**

Simpla jarabono 2.— sv. fk

Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 1.50 sv. fk.; minimume 10 abonoj po 1.20 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.10 sv. fk.

La prezoj validas nur ĉe antaŭa pago por tuta jaro. Ĉe alimaniera pago (monata, kvaronjara k. a.) unu numero kostas 0,20 sv. fk., 5 ekz de unu numero po 0.15 sv. fk., 10 ekz. po 0.12 sv. fk., 25 ekz. po 0.11 sv. fk.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8.5 cm larĝa) egalvaloro de 3.— sv. fk.

Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0.10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.

Rabato: 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Adreso:**

Heroldo de Esperanto
Horrem bei Köln (Germanujo)
Fako: Verda Stelo.

**Redaktoro:** Teo Jung.

**Poŝtĉekaj kontoj:**

Germanujo: Köln 75102 Heroldo de Esperanto, Horrem.

Danujo 4962, Heroldo de Esperanto, Horrem (Germanujo)

**Diverslandajn valutojn**
ni akceptas je sekvanta kurzo:

0.10 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.14 belgo, 0.16 braz. milr., 3 bulg levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07½ dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.50 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.50 gr. drakmoj, 0.12½ hisp. peseto, 0.12 pengo, 0.45 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0.10 latva lato, 0.20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.08 norv. krono, 0.17 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 4 rum. leoj, 0,07½ sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro,

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto aŭ sveda krono. Rusoj pagu al la agentejo de Heroldo: Geo. Teterin. Fontanka 21, kv. 7, Leningrad, laŭ kurzo: 0.10 sv. fk. = 0.04 or-rubl. kaj 20% por perado.

**N-ro 1** **Januaro** **1927**


# Esperanto progresas.

## Esperanto.

**Depost januaro 1927 Esperanto estas oficiale instruata en aviadistaj lernejoj de Polujo. Instruanto estas Prof. L. Kronenberg. La ĉefo de Pola Militistara Saneca Servo, generalo D-ro Rouppert, promesis per speciala ordono atentigi la militistajn kuracistojn pri la graveco de Esperanto.**

**Japanaj sciencistoj serioze apogas Esperanton kaj eldonas unu gravan verkon post alia en la internacia lingvo. Lastatempe aperis en Esperanto ampleksa scienca raporto de la Aerologia Observatorio de Tateno kun multaj ilustraĵoj, planoj, tabeloj kaj diagramoj, de Prof. Oishi, direktoro de l' observatorio.**

**La tutmonde konata eldonejo Rudolf Mosse en Berlin ĵus aperigis novajn volumojn de sia „Biblioteko Tutmonda" kun Esperanto-tradukoj el la hungara kaj la rusa lingvoj. Ankaŭ la firmo Hirt & Sohn en Leipzig jam eldonis 20 volumojn de sia Esperanto-biblioteko „Internacia Mondliteraturo" kun tradukoj el lingvoj japana, angla, franca, germana, holanda, bulgara, kroata k. a.**

## English.

Since January the 7th, Esperanto is being officially taught in the Aeronautical schools of Poland. The teacher is Prof. L. Kronenberg. The Chief of the Polish Military Board of Health, General Doctor Rouppert, has promised to call the attention of the military students by a special order to the importance of Esperanto.

Japanese Scientists strongly support Esperanto and are publishing one important work after another in the international language. Recently there appeared in Esperanto an extensive scientific report of the Aerological observatory at Tateno with many illustrations, plans, tables and diagrams, by Prof. Oishi, the director of the observatory.

The universally known publishers Rudolf Mosse of Berlin have just brought out some new volumes of their „Biblioteko Tutmonda" (World Library) in Esperanto translations from the Hungarian and Russian languages. The firm of Hirt & Sohn of Leipzig, have by now published 20 volumes in its Esperanto „Internacia Mondliteraturo" (Library of International World literature) with translations from the Japanese, English, French, Dutch, German, Bulgarian and Croatian languages.

## Deutsch.

Ab Januar 1927 wird in polnischen Fliegerschulen Esperanto offiziell unterrichtet. Unterrichtsleiter ist Prof. L. Kronenberg. Der Chef des Polnischen Militär-Gesundheitsdienstes, General Dr. Rouppert, hat versprochen, in einer besonderen Verordnung die Militärärzte auf die Wichtigkeit des Esperanto hinzuweisen.

Japanische Wissenschaftler lassen dem Esperanto ihre ernsthafte Unterstützung angedeihen und geben ein wichtiges Werk nach dem andern in der internationalen Sprache heraus. Letzhin erschien in Esperanto ein umfangreicher wissenschaftlicher Bericht des Aerologischen Observatoriums von Tateno mit zahlreichen Illustrationen, Lageplänen, Tabellen und Diagrammen, von Prof. Oishi, Direktor des Observatoriums.

Der weltbekannte Verlag Rudolf Mosse in Berlin hat soeben einige neue Bände seiner „Biblioteko Tutmonda" (Welt-Bibliothek) mit Esperanto-Uebersetzungen aus dem Ungarischen und dem Russischen herausgebracht. Auch die Firma Hirt & Sohn in Leipzig hat bereits 20 Bände ihrer Esperanto-Bibliothek „Internacia Mondliteraturo" (Internationale Weltliteratur) herausgegeben, mit Uebersetzungen aus dem Japanischen, Englischen, Französischen, Deutschen, Holländischen, Bulgarischen, Kroatischen u. a.

## Français.

A partir de Janvier 1927 l'espéranto est officiellement enseigné dans les écoles d'aviaton de la Pologne par Mr. Kronenberg. Le chef du service de Santé militaire polonais général Dr. Rouppert a promis d'attirer spécialement attention des médecins-majors sur l'importance de l'espéranto.

Les savants japonais appuient sérieusement l'espéranto et d'importants ouvrages dans cette langue paraissent l'un après l'autre. Dernièrement il a paru en espéranto un substantiel rapport scientifique de l'Observatoire Aérologique de Tateno, rapport dû au professeur Oishi, directeur de l'Observatoire, et contenant de nombreux illustrations, plans, tableaux et diagrammes.

La maison d'édition Rudolf Mosse de Berlin, connue dans le monde entier, vient d'éditer de nouveaux volumes de sa „Biblioteko Tutmonda" (Bibliothèque Universelle) contenant des traductions en espéranto du hongrois et du russe. La firme Hirt & Sohn en Leipzig a déjà fait paraître vingt volumes de sa collection en espéranto „Internacia Mondliteraturo" (Littérature Universelle Internationale) qui renferme des traductions du japonais, de l'anglais, de l'allemand, du hollandais, du bulgare, du croate etc.

# Al fondo de Internacia Presa kaj Eldona Societo!

**Verda Stelo,** malgraŭ sia nur trimonata ekzisto, *jam akiris grandan amikaron kaj vastan disvastiĝon.*

**Heroldo,** aperanta en la sama eldonejo, jam eniris la *8 an jaron de sia ekzistado.* Ĝis nun aperis preskaŭ 400 numeroj. Ĉiam *Heroldo eliradis nepre regule.* Depost novembro 1920 eĉ ne unu semajno pasis sen apero de nova numero de Heroldo.

Ankaŭ la **Libreja fako** iom post iom altiras *fidelan klientaron.*

Krom tio ni preparas la aperigon de *diversaj gravaj eldonaĵoj.*

Entute do **nia entrepreno sukcesas,** des pli, ĉar ni posedas *propran presejon.*

Sed mankas al ni du aferoj:

1. sufiĉa *internacieco* de la eldonejo;
2. sufiĉa *kapitalo* por gvidi nian entrepenon laŭ dezirindeco kaj bezono.

Por akiri tion: la sufiĉe internacian bazon kaj la sufiĉan kapitalon, ni intencas fondi, sur la bazo de nia jam ekzistanta presejo-eldonejo, **Internacian Presan kaj Eldonan Societon.** Kaj por ebligi la proksimuman antaŭkalkulon pri tio, laŭ kiuj mezuroj kaj kun kiom da kapitalo povos esti fondata la projektita Societo, ni petas ĉiujn gesamideanojn, kiuj emas partopreni en la Societo, skribi al ni kiel eble plej baldaŭ, provizore tute nedevige, *kiom da akcioj po 100 rmk. (125 sv. fk.) ili eventuale deziros.*

En la pasinta jaro, la eldono de nuraj Libro-Akcioj havigis al ni monsumon de ĉ. 1500 rmk. Oni do devus kredi, ke estus facile havigi multoblan sumon, se temas ne pri simplaj libroj, sed pri jam funkcianta kaj *de jaroj ekzistanta entrepreno kun propra, konstante pligrandiĝinta presejo.* La presejo konsistas nun el kvar presmaŝinoj, inter ili du tute novaj kaj modernaj, moderna stereotipio kaj ceteraj necesaj instalaĵoj. Plia kapitalo ebligus al ni, aĉeti pluajn modernajn maŝinojn (ekz. linotipon) kaj materialon kaj per tio ĝis minimumo *malaltigi la kostojn* por la eldonado de gazetoj kaj libroj, kio estus *la plej certa garantio por bona rentumado de la kapitalo.*

Do, helpu al ni pligrandigi kaj pligravigi nian entreprenon, **je via propra intereso kaj je tiu de la Esperanto-movado!** Kiel eble plej baldaŭ sendu al ni vian provizoran nedevigan anonciĝon! Poste ni vidos, kio estos aranĝebla.

**Eldonejo de Verda Stelo kaj Heroldo.**

# Tra Esperantujo.

### Esperanto oficiale instruata en Praktika Komerca Lernejo de Bukureŝto.

La direktoro de la nomita lernejo, s-ro J. Teodoru, sekr. de la komerca ĉambro, enkondukis Esperanton oficiale en la unuaj du klasoj. Al la 120 lernantoj instruas Esperanton s-anoj Harabagiu kaj Timiŝ.

### Rabindranat Tagore.

Dum sia vizito al Balkano, esperantistoj en Bukureŝto kaj Sofio salutis kaj intervjuis la faman hindan poeton kaj transdonis al li literaturajn esp. librojn kaj esp. gazetojn.

### Esperanto en Palestino.

Movado ekzistas precipe en Jerusalemo kaj en Tel Aviv (Printempa Monteto). Dum oktobro kaj novembro ĉ. 50 personoj sukcese finis esp. kurson. El ili 20 aliĝis al Jerusalema Esp. Asocio.

### Esperanto en romano.

Hispana poeto Miguel de Unamano verkis romanon nomitan „Nebulo", eldonitan ĉe Meyer & Jessen en München (ŝajne en germana traduko — Red.), en kiu ankaŭ troviĝas teksto pri Esperanto: „. . . Ĉu vi ne opinias kiel mi, ke venos la ĝenerala paco dank' al Esperanto? . . . Se vi nur lernus Esperanton!"

# Tra la mondo.

La nova jaro komenciĝis. Kiel kutime, ankaŭ je la nuna jaro estas ligitaj multaj esperoj kaj revoj. Sed se ni kredos modernan profeton, ĝi ne estos tre lumportanta. (Legu la artikolon „Horoskopo de la jaro 1927" en la hodiaŭa numero!) Tamen, D-ro Kronström ne povas senkuraĝigi nin. Tiaj profetaĵoj ja estas interesaj kaj eble eĉ povas timigi kelkajn superstiĉajn animojn. Ni esperantistoj estu pli fidemaj homoj! Ni fidu nian feliĉon, nian „stelon", kiu superlumas nian vivovojon, la laborojn kaj penojn por nia idealo, kaj kiu finfine nin gvidos al la glora celo!

En Centra Ameriko denove okazis unu el la jam kutimaj revolucietoj. Ĝi estis direktita kontraŭ la konservativa prezidanto de Nikaragvo, Diaz. Lian registaron rekonis la Unuiĝintaj Ŝtatoj, kiuj albordigis marinajn trupojn, per tio elvokante akrajn protestojn de aliaj amerikaj ŝtatoj. Ĝis nun la situacio ankoraŭ ne estas klarigita.

En Ĥinujo la milito daŭradas. La Kanton-trupoj pli kaj pli proksimiĝas al Ŝanhaj. Apud Fujan, ĉ. 100 mejlojn okcidente de Ŝanhaj, komenciĝis batalo kun la trupoj de Sunĉvanfan. En Hankaŭ regas tre malamikema sento kontraŭ la eŭropanoj, kiuj ne povas sin montri ekster siaj domoj. Kiam tiu militbrulo estingiĝos?

La Esperanto-movado, kiel kutime dum tiu ĉi sezono, ankaŭ en nuna vintro estas ĉiulande en

plena florado. La unuaj kursoj parte jam finiĝis, novaj adeptoj aliĝis al la grupoj, kaj kun freŝaj fortoj oni preparas la novajn kursojn. Ne forgesu, por la komenca instruo kaj por la perfektigaj vesperoj vaste utiligi Verdan Stelon! Ĝi estas por komencanto kaj progresanto interesa, instiga vigligilo, por kiu li volonte pagas la etan abonprezon.

Fariĝu la ĵus komencita jaro por nia movado kaj por la tuta mondo kiel eble plej prospera!

# Lingvaj pripensoj.

*La vivo transiras la limojn de l' intelekto je ĉiuj flankoj.* *Bergson.*

*Esperanto naskiĝis ne de intelekta sed de agema deziro.*

En tre rimarkinda libro, kies titolo estas: „La Lingvaĵo kaj la Vivo"[1]), Prof. Bally el Ĝenevo notas, ke por la lingvoj, kiel cetere ĉie, la fonto de ĉia vivo estas ne la intelekto, sed la sento. Tie ĉi la intelekto, la racia logiko ludas la rolon de korektilo; ĝi povas „normaligi", ĝi ne kreas.

Se tuj, se de sia naskiĝo Esperanto vivis, sian vivon ĝi ŝuldas al tiu ĉi fakto, pri kiu mi jam ofte insistis kaj ree insistas, ke Zamenhof kreis sian lingvon ne kiel liaj antaŭuloj kaj posteuloj, por kontentigi ian scienceman deziron, kiu estus lerta kombino de lingva esprimilo pure logika, sed por traduki, por konigi, por komuniki al kiel eble plej multnombraj homoj la sentojn, kiuj plenigis lian animon, lian koron.

Esperanto ne estas ido de pure logika spirito, ĝi estas la filo de agema sento, kaj tiu ĉi sento estas la amo, la plej alta el ĉiuj amoj: la amo al homaro; kaj amo sola — ne prudento — kreas, vivigas.

El tio ne rezultas, ke la intelekto, la racio, la logiko ne havis, ne devas havi sian gravan taskon en la kombino de lingvo, en ĝia evoluado, aŭ pli ĝuste pliriĉigo, sed, komprenante la devenon, la esencon de nia lingvo, oni zorge evitos, ke, sub preteksto ĝin plireguligi, ĝin fari pli racia, pli logika, oni elprenu el ĝi la vivon, oni donu al ni anstataŭ vivantaĵo ian plene logikan, racian sistemon, — ne vivkapablan, — por la ĝojo de teoriemuloj, kiuj vivas en la mondo de l' abstrakto, por la malĝojo de la homoj — cetere ne malpli sciencaj, ol la aliaj, — kiuj vivas en la surtera mondo kaj vidas en la internacia lingvo ne nur prilingvan sed precipe socian problemon. Al tiuj homoj, agemaj, la Zamenhofa solvo sufiĉas, ĉar, post multjara sperto plene kontentiga, ĝi permesas por la utilo, por la bono de l' homaro plej altan esperon. Ke tiu ĉi espero efektiviĝos, tio dependas de ni esperantistoj, de nia fideleco, de nia disciplino[2]). *Th. Cart*, Prez. de la Esp. Akademio.

[1]) Ch. Bally: „Le Langage et la Vie". Payot, Paris 1926.
[2]) Por esti socia ilo la lingvaĵo bezonas disciplinon. — Bally.

# Fine ni venkos!

De D-ro *S. Nishi*,
Prof. de Anatomio ĉe Imperia Universitato de Tokio.

Vere mirinda estas la granda kulturprogreso, kiun la japano travivis en la daŭro de la lasta duonjarcento. La kaŭzo kuŝas sendube en la naturo de la popolo, kiu posedas mirinde grandan adaptokapablon je fremdaj kulturoj pli altaj. Iam ni enkondukis ĥinan kulturon, kiu regadis nian vivon pli ol mil jarojn. Post malfermo de nia pordo por eŭropa kulturo nia vivo denove aliformiĝis kaj nuntempe ni efektive vivadas en eŭrop-amerika kulturo. Sed por daŭrigi ĉi tiun vivstaton — kaj tio estas komprenble absolute necesa por subteni nian pozicion inter kulturaj popoloj de la mondo — ni ne povas kaj devas esti malatentaj inter aliaj du gravaj malhelpoj starantaj sur la vojo de nia kulturprogresado.

Laŭ la biologia leĝo de fama zoologo A. Oka iu karaktero de organismo, kiu iam helpis al ĝia prosperado, fariĝos poste la kaŭzo de ĝia pereo. Kaj interese estas, ke la sama principo regadas ankaŭ en la kulturhistorio. La unua malhelpo, kiu kontraŭstaras al nia kulturprogresado, estas la ĥinaj literoj, kiuj iam helpis nin en la kulturprogresado. Por liberigi nin de tiu ĉi malhelpo, du movadoj agadas jam de longe. La unua estas tiel nomata Kanamozi-movado, kiu klopodas anstataŭigi la ĥinajn



*Partoprenantoj de la 14-a Japana Esperanto-Kongreso en Tokio.*
*La bone sukcesinta kongreso okazis pasintan aŭtunon kun partopreno de ĉ. 250 gesamideanoj. La propaganda kunveno „Verda Vespero" kunvenigis publikon de ĉ. 1500 personoj.*

literojn uzatajn en la japana skribado per nia propra alfabeto, Kanamozi, kaj en la sama direkto sed iom modere efikas la klopodo plimalmultigi la nombron kaj plifaciligi la ortografion de la ĥinaj literoj. La dua estas nomata Romazi-movado, t. e. la movado enkonduki la latinan alfabeton, Romazi, en la japanan skribadon. Ambaŭ movadoj, precipe la lasta, trovas siaflanke multe da anoj precipe inter akademiaj scienculoj. Sed al tiuj ĉi pure naciaj problemoj mi ne volas koncerni plu.

La temo, kiun mi nun volas iom pli detale pritrakti, estas fremdlingva problemo, kiu estas tute alisignife grava en Japanujo ol en aliaj kulturlandoj. En Japanujo oni ankoraŭ ĝenerale eraropinias, ke la angla lingvo estas senplue internacia. Tie oni ĉiutage perradie disaŭdigas anglan lecionon, eldonadas multe da anglaj ĵurnaloj kaj gazetoj; oni legas ĉie eĉ oficialajn surskribaĵojn kaj afiŝojn angle skribitajn; oni ekzemple sentis neniel stranga, aŭskulti anglan paroladon de la mortinta ĉefministro s-ro Katoo ĉe la 6-a Orienta Kongreso por Tropika Medicino, la unua internacia scienca kunsido okazinta la pasintan jaron en Tokio, kie tre multe da japanaj membroj ankaŭ devis paroladi en la angla lingvo, multe da ili tiel mallerte, ke neniu povis kompreni ilin. — Jam en mezlernejoj junaj geknaboj estas devigataj lerni la anglan lingvon tute malsimilan al ilia nacia lingvo, por kio ili eluzas sufiĉe bonan parton de sia lerneja vivo, kvazaŭ en iu angla aŭ usona kolonio! En faklernejoj gestudentoj devas krom la angla laŭfake plue eklerni la germanan aŭ francan lingvon, kaj scienculoj devas pli malpli bone ellerni almenaŭ tri modernajn nacilingvojn por interkomuniki kun fremdlandaj kolegoj kaj por internacie publikigi siajn sciencajn verkojn.

Tiel estas nuntempa stato de fremdaj lingvoj en Japanujo, kaj tiamaniere tre multe da plej taŭgaj japanoj perdas sufiĉe bonon parton de sia laborforto por la lernado de fremdaj lingvoj. Kian grandan servon oni povus fari al la popolo kaj al la homaro, se oni povus dediĉi ĉi tiun grandan oferon de energio por sia fako anstataŭ por fremdaj lingvoj! La fremdaj lingvoj, kiuj nin helpas en la kulturprogresado, efikas tiel samtempe rekte malhelpe al ĝi. Kiamaniere oni povus sin savi de tiu ĉi dilemo? Kaj por respondi tiun ĉi demandon naskiĝis nia Esperanta movado.

La internacilingva problemo estas lastatempe (por tiel diri) tutmonda, ke ne nur en malgrandaj regnoj de Eŭropo kaj Ameriko sed ankaŭ en Germanujo kaj Francujo kaj eĉ en Anglujo kaj Usono oni jam komencis pliserioze pripensi pri tio. Kaj mirinde estas, ke la japano, kiu pli ol aliaj popoloj sentas la necesecon de internacia helplingvo, ĝis antaŭ ne longe tiel indiferente sintenadis antaŭ ĝi, ke Esperanto restis longtempe nur en la mano de malmulte da junaj idealistoj. Sed estas evidente, ke oni ne povis longe suferi sub la jugo de la fremdaj lingvoj; de antaŭ kelke da jaroj la praktika uzado de Esperanto pli kaj pli disvastiĝis inter studentoj kaj scienculoj, precipe medicinaj. Post longtempa vagado en la labirinto de la fremdaj lingvoj ili finfine ektrovis la elirejon! Nuntempe preskaŭ ĉiuj faklernejoj havas esperantistajn grupojn kaj multe da scienculoj jam komencis uzi Esperanton kiel publikigilon por siaj sciencaj verkoj. La Esperanto-movado en Japanujo tiamaniere jam transiris de la idealista revo en la epokon de la praktika uzado. Ni esperantistoj nuntempe klopodas enkonduki Esperanton en ĉiujn fakojn kiel nian solan internacian helplingvon, kaj post ne longe, ni estas certaj, Esperanto estos akceptata kiel sola oficiala helplingvo internacia de Japanujo,

## *Du maroj.*

De *S. Gorodeckij.*

*Aŭskultu maron —*
*Vi aŭdos koron*
*De l' marmisteroj!*

*Aŭskultu koron —*
*Vi aŭdos maron*
*De l' homsuferoj!*

El rusa lingvo trad. *D. Vigodskij.*

# Novulo.

De *St. Zivanovic*, Zagreb.

La suno estas elironta. Malgaje aspektas la ĉielo ĉie, escepte de tie, kie la aŭroro vekiĝas. Regas krepusko, kaj matena roso kovras herbon kaj arbojn. Estas je la kvina kaj duono matene.

Sur reloj veturas vagonaroj, kvazaŭ ili rampas kiel serpentoj kaj malaperas en nuboj da fumo en la malproksimo. Ili bruas sur la reloj, fajfas kaj rapidas kiel drakoj, kiuj foriras en la regionojn de senfinaj malproksimoj.

La drakoj direktataj de homa mano!

Iom post iom la suno leviĝas kiel grandega globo fandita en fajro.

Kun sunleviĝo naskiĝas nova tago, kaj kiam ĝi aŭdiĝas, aperas sur apudaj reloj kurbigitaj ombroj, kiuj aliras la difektitajn vagonojn. Ili kunvenas por komenci la laboron.

Iu seriozmiena inspektoro disdividas la laboron, kaj baldaŭ eksonas marteloj, ekzumas bormaŝinoj kaj ekknaras leviloj. Sekcio konsistanta el dudeko da homoj komencas labori. La inspektoro staras kaj trankvile rigardas la homojn.

— Levu!

— Ho—ho—ho!

Tiaj ekkrioj aŭdiĝas tie, kie oni surmetas la radojn sur la aksojn.

Ŝvito kvazaŭ fluas de sur fruntoj, kaj nove naskita suno majeste leviĝas en la ĉielon.

Post kelkaj momentoj la inspektoro ekvidas, kiel al li venas altstatura homo havanta ankaŭ larĝajn ŝultrojn. Vera homego! Post momento li alvenas kaj salutas la inspektoron. Sed el lia buŝo eliras nur tremetanta voĉo. Li demandas pri laboro. La inspektoro respondas nee, ĉar li havas sufiĉe da laborantoj. La homego insistas:

— Kompatu min, mi jam estas tutan monaton senlabora!

Sub influo de tiuj ĉi vortoj la inspektoro cedas kaj sendas la homegon al tiuj, kiuj surmetas la radojn sur la aksojn. Al si mem li parolas:

— Mi maldungos du aliajn. Tiu ĉi laboros por du! Ĉiuj radoj suriros sur aksojn sen malhelpo! Li nur laboru, li povas! — Tiel konvinke parolas al si mem la inspektoro kaj iras al la homoj, al kiuj li laŭte, per grava voĉo, diras:

— Mi revenos je tagmezo. Ĝis tiam vi devas surmeti sesdek radojn sur aksojn! Vi komprenas, Petro? Tiu ĉi estas novulo, montru al li la laboron!

Petro, la plej aĝa el laboristoj, kapjesas, kaj la inspektoro foriras.

La levado komencis, kaj la okuloj de Petro fikse rigardas la alveninton. Poste Petro iras al unu rado kun la novulo kaj ankoraŭ unu kamarado kaj ordonas levi ĝin.

— Ho—ho—ho!

La rado ne moviĝas de sur tero.

— Ho—ho—ho!

Ree la rado restas sur la tero.

— Tenu ĝin pli forte, Johano! — diras Petro serioze al la novulo. — Estas maleble, ke ni tri ne povu ĝin levi. Tenu ĝin, levu ĝin iom pli forte! Jen, levu ni, ni levuuuu!

Johano ekruĝiĝas kiel kuirita kankro, kaj el lia brusto aŭdiĝas tusego, sed la rado ne moviĝas.

— Mi ne povas levi ĝin, mi ne povas!

Petro moke ekridas:

— Mi scias, vi ne povas, ĉar vi ne volas. Sed gardu vin! Ĉu vi scias, kion diros la inspektoro? Tio al li ne plaĉos. Mi bone lin konas! Li opinias vin valora kiel du aliaj, alie li vin ne dungus!

Johano nur malgaje ekridetas kaj respondas nenion, dum Petro alvokas ankoraŭ unu laboriston por levi la radon, kaj tiel ili, kiel la aliaj, kvarope levadas la radojn.

Kiam sonorilo anoncis tagmezon, la laboristoj ĵetas siajn martelojn kaj haltigas la bormaŝinojn. Ĉiuj sidiĝas sur herbo, elprenas el dorsosakoj nutraĵon kaj ekmanĝas. Nur Johano restas sur la reloj.

La laboristoj avide manĝas. Johano ilin ne rigardas, kaj liaj okuloj estas direktitaj al la malproksimo, kie sur ĉefaj reloj aperas kaj malaperas vagonaroj. La vagonaroj! Ilia vojo estas senfina . . .

Ankaŭ Petro manĝas kaj kaŝe observas la novulon preskaŭ dum dek minutoj. Tiam li ĉesas manĝi kaj paŝas al li. Per kutima voĉo li demandas:

— Ĉu vi ne manĝos?

Tiumomente ekbruis rapida vagonaro, kaj Johano diras dolore, kvazaŭ al si mem:

— La unua homo demandas min post kvar tagoj, ĉu mi ne manĝos!

Petro ektremas, kvazaŭ fulmotondro aŭdiĝis. La vortoj de Johano sonis en la bruado de l' vagonaro kiel misteraj sonoj el subtero. Krom tio li vidis en lia okulo grandan larmon. Al li nun estas klare, kio okazas en la animo de l' novulo nun, kaj kio okazis tiam, kiam li, alie bona Petro, al li malice ridis. Li komprenas nun bone la doloran rideton de Johano kaj sciiĝas, ke kaŝitaj doloroj estas la plej malfacilaj. — —

kio jam parte efektiviĝis, kiam la Japana Akademio la pasintan jaron tion aprobis. Kaj nur tiam nia kulturo estos liberigata de la malhelpo de la fremdaj lingvoj kaj povos daŭrigi sian sanan kreskadon.

Fine ni venkos!

## Opinio de eminentulo.

### Jack London pri Esperanto.

En la fama romano de Jack London „Martin Eden" (ĉap. XIII) mi trovis sekvantajn vortojn, kiuj montras, ke la mondkonata verkisto, tre sobra kaj praktika pensulo, samopinias kun ni, esperantistoj, pri la eduka valoro de la lingvoj. Komparu cetere mem:

„. . . estas egale, kion vi studas. Vi povas studi la francan, la germanan, aŭ *ĵeti ĉion-ĉi kaj profundiĝi en Esperanton. Vi atingos la saman kulturnivelon.* Same vi povas okupiĝi pri la greka aŭ la latina, sed la lastaj neniam utilos al vi por io ajn . . ."

Ni konstatas, ke London traktas en la cititaj frazoj unuflanke la *edukan* valoron de la lingvostudado, aliaflanke la *senutilecon* el praktika vidpunkto de tia studado. La konkludo estas por Esperanto perfekte favora.

*Eduka* valoro de Esperanto: egala kiel tiu de la lingvoj franca, germana, greka, latina.

*Praktika* utileco de Esperanto: egala kiel tiu de la lingvoj franca, germana; la greka kaj latina ne havas ian ajn praktikan utilecon.

La opinio de London estas ankaŭ la nia, ĉu ne?

*D-ro L. Dreher.*

## Horoskopo de la jaro 1927.

La dana astrologo D-ro *J. I. Kronström* jus elsendis sian astrologian jarlibron por la jaro 1927. Bedaŭrinde liaj profetaĵoj ne estas la plej bonaj, kvankam ekbriloj de nova epoko troviĝas inter ili, nova epoko, kiu naskiĝas en teruraj naskiĝdoloroj.

La dana gazeto Politiken anoncas la libron kaj skribas i. a. pri la enhavo la jenon:

„Tuj en la komenco de la jaro, la 3-an de januaro, okazas eklipso de la suno. Tio estas profetaĵo pri malbonaj ekonomiaj tempoj, senlaboreco kaj perdo por la kamparanoj, sed feliĉe la planedo *Jupitero* meze de la monato eniros la zodiakan konstelacion *Fiŝoj*, kaj tio havas bonan influon al monaferoj kaj multaj aliaj aferoj. Precipe Islando, Norvegujo, Finnlando kaj Holando profitos de la „pacplanedo", kiu mildigos la severajn kontraŭojn. Sed en marto je ekvinokso (la 21-an) okazos morto de pluraj konataj kaj influriĉaj homoj. Ribelemuloj nekompleze agitadas, kaj precipe por Franculo, Italujo kaj Usono la antaŭsignoj estas malbonaj. Por la agrikulturo ili ne aspektas bone, la eksporto haltiĝos pro strikoj, la valoro de la kamparaj bienetoj malaltiĝos. La virinoj ludos grandan rolon, kaj la rilatoj en la hejmoj okazigos multajn konfliktojn. En la gazetaro kaj la literaturo tamen naskiĝos nova vivo kaj epokfaranta novaĵo; aperos rimarkindaj eltrovaĵoj en la kemio kaj en la radiotekniko. Sed oficistoj de ŝtato kaj komunumo severe sentos la malbonajn tempojn kaj postulos plialtigon de la salajro.

Ĉirkaŭ la 11-a de junio okazos strangaj konstelacioj sur la ĉielo, kaj nova epoko ekkomencos kun alia distribuado de la vivvaloraĵoj. Aperos nova tipo de diktatoro, la „Viro de la Nordo", kiu dum kelka tempo ne estas rimarkata pro la „Viro de la Sudo"; sed iom post iom li prenos la estradon en siajn manojn kaj okazigos grandajn reformojn. Pli seriozaj aferoj ol malgrandaĵoj okupos la eklezion, la intelektularon kaj la sciencon. La lernejo estos reformata, kaj la infanoj estos edukataj al pli ol piedpilko kaj boksado, la virinoj havos intereson por aliaj aferoj ol fortondado de la haroj kaj mallongigo de la jupoj. La borso estos reformata, la komercaĵoj kaj la valoroj estos distribuataj en pli justa maniero, kaj aperos nova teatra arto, kiu ĝojigos kaj la orelon kaj la animon.

Sed tamen mallumiĝos denove. Eklipso de la luno profetas pri epidemioj kaj pestosimilaj malsanoj, ankaŭ pri tertremo, brulego, superakviĝo, katastrofoj de aerŝipoj aŭ vagonaroj. La antaŭsignoj estas precipe minacantaj por Usono. Eklipso de la suno plimalbonigos ĉion kaj ludos gravan rolon en Anglujo kaj Skandinavio. Ankaŭ la homaj pasioj ekbruliĝos kaj okazos atencoj, krimoj kaj skandaloj. Okazos granda brulo de teatro aŭ simila konstruaĵo.

Julio fariĝos pli bona komence, sed poste estos senvualigata vico de spiritistaj trompaĵoj, kaj „la ruĝa koko krios" ĉirkaŭe en la lando (t. e. brulo), la bildo similas batalkampon.

Pasado de *Merkuro* en novembro antaŭdiros krimojn, fervojajn katastrofojn kaj morbilojn (malsanon). Okazos turniĝaj ventegoj en la hinda maro, kie aperos tute nova insulo. La junularo vestiĝos en kaskoj kaj ŝtalo. Atentu ĉi tiun junularon! Ĝi profetas pri brila estonteco.

En decembro nova eklipso de la luno profetas pri multe da malsanoj, precipe en la pulmoj kaj organoj de spirado, ankaŭ pri multenombraj krimoj kontraŭ virinoj kaj infanoj; okazos morto de multe da konataj homoj de la borsa kaj teatra mondo. Speciale malfavoraj estas la antaŭsignoj de tre altranga sinjorino.

La 24-an de decembro okazos eklipso de la suno, kiu profetas pri milito kaj ribelo. Ŝtatestro mortos, alia estos forpelata, multaj vivoj perdiĝos okaze de granda akcidento. La laboristoj sin armos al grandega finbatalo kun la labordonantoj. Oni ne plu aŭdos ion pri la „Viro de la Nordo".

Trad. *M. N.*



### *Saluto.*

*(Kantebla laŭ la melodio de germana kanto „Stimmt an mit hellem, hohen Klang")*

*Vin, lando, korsalutas ni,*
*Feliĉa land' de l' tero,*
*Vin, land' en plena harmoni'*
*Sub signo de l' Espero!*

*Kaj estu, kunloĝantoj vi,*
*Tre kore salutataj*
*En lando de Esper' al ni,*
*Gefratoj, vi, amataj!*

*La Verdan Stelon ofte ni*
*Salutas kantsonore;*
*La celon, kiun montras ĝi,*
*Ni sekvas grandfervore.*

*Kaj same ni vin, Verda Flag',*
*Salutas kaj konfidas;*
*Ĉar vi ja al feliĉa tag',*
*Al fina venk' nin gvidas.*

*Fortege ligas nin la sort'*
*Al kara Esperanto:*
*Salut' al vi per dolĉa vort'*
*En poezi' kaj kanto!*

*Vin, bela lingvo de geni',*
*Ni ŝatas kun fervoro,*
*Per vi saluton sendas ni*
*Al ĉiu nobla koro.*

*Salutas ree vin sur ter',*
*Lulil' de l' alta celo,*
*Vin, lando kun vastega sfer'*
*Sub bril' de l' Verda Stelo!*

*Al vi nin ligas amruband',*
*Ho, estu multŝatata!*
*Vi, de l' Espero verda land',*
*Miloble salutata!*

*J. R., Ĝenevo.*

## El Scienco kaj Tekniko.

### Likvigo de karbo.

Dum la internacia konferenco pri mola karbo en Pittsburg (Pensilvanio) D-ro Friedrich Bergius el Heidelberg (Germanujo) raportis pri „La transformado de la karbo je oleo per hidrogeno" krom alio jenon:

El la metodoj, fabriki el karbo oleon, la unua — distilado de la karbo — jam longtempe estas konata. Sed la kvanto da oleo ricevita per tia traktado estas malgranda laŭ la proporcio je la restanta kvanto da koakso, kaj pro tio la procedadoj de la karbodistilado ĉe malalta kiel ĉe alta temperaturo estas konsiderataj kiel manieroj de la koaksproduktado, liverantaj malgrandan kvanton da gudro. Gudro — kiel apuda produktaĵo — povas esti vendata nur tiom, kiom la naskiĝanta koakskvanto estas vendebla.

La unu de la kemiaj metodoj komenciĝas ĉe la vaporecaj produktaĵoj dum la koaksigo, ĉe la akva gaso, miksaĵo el karbon-oksido kaj hidrogeno, naskiĝanta, se akva vaporo fluetas trans ardantajn karbojn, laŭ la formulo: $C + H_2O = CO + H_2$.

El la akva gaso la metodo produktas katalize ĉe normala aŭ altigita premo atmosfera per sintezo alkoholojn aŭ hidrokarbidojn. Grandan sukceson havis tiaj proceduj ĉe la produktado de metila alkoholo ($CH_3OH$) kaj similaj relative altvalentaj kombinaĵoj. Sed nuntempe ankoraŭ ne estas klare, ĉu tiamaniere produktitaj substancoj povos konkuri kun la naturaj tergasolinoj (petroleoj), ĉar la karbono, enhavata en la (por la katalizo) purigita akva gaso, estas relative multekosta, kaj ĉar estas aplikataj tre grandaj kvantoj da valora hidrogeno.

### La vojo al Dio.

Orienta legendo.

Rakontita de *Mudjekeewis.*

Foje la kalifo Harun al Raŝid revenis hejmen laca de ĉasado. Irante por ripozi li malpermesis al siaj servistoj je mortopuno, lin veki. En la sama horo forkuris el la palaco Zoraida, lia sklavino. Ĉar la kalifo ŝin tre amis, servisto rapidis al li por lin informi. La kalifo ordonis lin senkapigi kaj pludormis.

Zoraida ekscitis en la urbo ribelon kontraŭ la kalifo, kaj unu el liaj veziroj lin vokis, por ke li forpelu la ribelantojn. La kalifo ordonis lin senkapigi kaj pludormis.

Kiam proksimiĝis la horo de l' preĝo, neniu kuraĝis lin alvoki; fine tamen faris tion Mesrur kaj, lin vekante, li diris: „Sinjoro, la horo de l' preĝo venis!" La kalifo salte leviĝis kaj, lin dankinte, li faris la lavojn kaj preĝis. Poste li surĉevaliĝis kaj dispelis la ribelantojn. Zoraidan li ordonis ĵeti en la maron.

Kaj sin turnante al siaj servistoj li diris: „Kredantoj, vere mi diras al vi: Ĉiuj virinoj de l' mondo kaj ĉiuj tronoj de l' tero ne valoras unu horon de ripozo! Sed pli multe ol la ripozo de tuta vivo valoras preĝo; ĉar ĝi venas de Dio kaj kondukas al Dio. Malplenumi la preĝon signifas perdiĝi al si mem la paradizon!"

Jen kiel parolis Harun al Raŝid, kiu eniris la paradizon.

❀

### La Sanktaj Tri Reĝoj.

De *Kastelano.*

Estis mallonga tempo post la mondmilito. En Germanlando en la industriaj regionoj oni forte sentis la mankon de nutraĵoj. La tagon antaŭ la festo de la Sanktaj Tri Reĝoj (6 jan.) kelkaj karbministoj en la ĉirkaŭaĵo de la urbo Essen venis tra la pordego de karbminejo por iri hejmen. Survoje unu el ili diris: „Morgaŭ estos festotago, kaj ni ne laboros. Pro tio mi proponas, ke ni veturu al Münster-lando[1]). Tie ni povos, por mono kaj afablaj paroloj, de la kamparanoj aĉeti terpomojn, ovojn, buteron, ŝinkon ktp."

„Jes, bone," diris alia, „vi estas prava; ĉi tie ni devas malsatmorti, eĉ kun la mono en la mano. Kvankam mi estas sufiĉe laca, tamen mi partoprenos."

Tria ministo ankaŭ promesis kunveturi. La postan tagon jam frumatene per la unua vagonaro la tri ministoj forveturis el la fumnigra centro de la industriaj laborejoj. Antaŭ tagmezo ili alvenis en malgranda stacio. De tie ili marŝis ankoraŭ pli ol tutan horon. Fine ili atingis vilaĝon, en kiu ili esperis ricevi la sopiritaĵojn.

Sed baldaŭ ili povis konstati, ke ili ne havis bonŝancon, ĉar la loĝantoj de la vilaĝo estis en la preĝejo. Kion nun fari? Sur la strato estis malvarme, trinkejo ne ekzistis.

Post mallonga pripenso la tri ministoj decidis ankaŭ eniri la preĝejon, por pasigi la tempon. Tie alveninte, ili tuj vidis, ke la di-servo jam komenciĝis. La pastro staris sur la predika pupitro kaj predikis pri la Sanktaj Tri Reĝoj. Kaj ĝuste en la momento, kiam la tri ministoj senbrue eniris, la pastro demandis en sia prediko: „De kie venis la tri fremdaj viroj por adori Jesuon?"

La tri ministoj tre ektimis pro tiuj paroloj kredante, ke la pastro aludis ilin. Unu el ili puŝis la alian per la kubuto en la flankon kaj flustris: „Diru ĝin do al li!"

Kaj kiam la pastro ree demandis: De kie venis la tri fremdaj viroj?", nun la plej kuraĝa respondis laŭtvoĉe: „Du el ni estas el Gelsenkirchen[2]) kaj la alia estas el Katernberg!"[2])

[1]) Kampara regiono proksime de la urbo Münster en Vestfalio.

[2]) Urboj en la rejn-vestfalia industria regiono.

## Enigma angulo.

### 1. Silab-enigmo.

a, ce, da, do, e, fo, fun, ha, i, ja, jo, lar, lu, men, ni, ni, no, no, po, po, so, stro, ta, to, ve, ve.

El ĉi-supraj 26 silaboj formu 8 vortojn, kies komencliteroj de supre malsupren legataj kaj kies triaj literoj de malsupre supren legataj nomas bondeziron ofte aplikatan okaze de jarŝanĝo (ch legu por ŝ). La vortoj signifas: 1. plej grava libro por esperantistoj, 2. poemo, 3. nutraĵo, 4. lando en Eŭropo, 5. kampofloro, 6. ŝipistoj ĝin ŝatas, 7. interpunkcia signo, 8. biblia urbo.

### 2. Silab-enigmo.




La *horizontalaj* vortoj signifas: 1. dancado, 2. vira voĉo, 5. scienca fako, 8. armeestro, 11. konstruaĵo, 12. metalo.

La *vertikalaj* vortoj signifas: 1. serpento, 3. vintrosportilo, 4. malgrandiga sufikso, 6. arbo, 7. flava koloro, 8. fiŝo, 9. prefikso, 10. itala monero kaj muzikilo.

La vortoj sen gramatika finaĵo.

Solvoj en n-ro 2.

### Solvoj el n-ro 3 de 1926.

1.

1. Zodiako, 2. Ameriko, 4. mucida, 4. efemera, 5. nominativo, 6. Huberto, 7. okra, 8 floro. — Zamenhof, decembro.

2.

*Horizontale:* 1. karb, 4. atel, 7. eg, 8 art, 9. mi, 10. okr, 11. rab, 12. an, 13. opi, 14. re, 16. lian, 17. gril.

*Vertikale:* 1. ke, 2. agoni, 3. baron, 4. strig, 5. embri, 6. li, 12. al, 15. el.

3.

Muelisto.

La alia kemia metodo, kiun Bergius inventis en la jaro 1913 kaj nomis „Likvigo de la karbo“, utiligis la hidrogenon enhavitan en la natura terkarbo jam je proksimume 4% kaj aldonas al ĝi nur tiom da artefarita hidrogeno, ke el la karbo (karbono-hidrogeno-oksigeno-kombinaĵo) naskiĝas la oleoj (likvaj karbono-hidrogeno-kombinaĵoj).

La teknika efektivigo de la procedo postulis dekjaran laboron. Hodiaŭ la likvigo de la terkarbo estas teknike ellaborita. Post la ebligo, fabriki el la reakciaj gasoj malmultekoston hidrogenon, estas eble, fabriki tiamaniere el karbo benzinon, gasoleon, ŝmiroleon (oleecan lubrikaĵon) kaj hejtoleon je prezoj, ebligantaj konkuron kontraŭ la natura produktaĵo.

Ĉi tiu procedo estos uzebla per kombinado kun la gasfabrikejoj, kiuj povus fari parton de sia bezonata gaskvanto en karblikvigejoj kaj utiligi la pro tio malgrandigitan koakskvanton dum la fabrikado de la hidrogeno por la karblikvigejoj. La produktaĵo de tiel instalita gasejo do estus gaso kaj oleo, anstataŭ — ĝis nun — gaso kaj koakso. Ĉe tia kombinado inter gasejo kaj karblikvigejo la gasproduktado ne plu dependus de la koaks-merkato (disvendo), kaj gaso — la plej senfuma brulaĵo — povus esti en pli granda kvanto kaj je pli malalta prezo disponigata por la konsumantoj.

Se la tre karbonriĉaj aŭ preskaŭ purkarbonaj antracitoj estas esceptataj, preskaŭ ĉiuj terkarboj kaj brunkarboj (lignitoj) estas uzeblaj por la karblikvigo, precipe la molaj kaj pulvoraj karboj, malfacile vendeblaj por aliaj celoj. Tiel la karblikviga procedo povas adaptiĝi je la plej granda mezuro al la industriaj kondiĉoj de ĉiu teritorio kaj ties terriĉaĵo.

El „Casseler Tageblatt“ kompilis *Dreŭsicke.*

## Aŭtovojo Madrido-Valencio.

La hispana kabineto konsentis al privata entrepreno koncesion por la konstruado de rekta aŭtovojo Madrido-Valencio. La vojo mezuros 270 km. La privata entrepeno rajtos preni imposton de aŭtomobilistoj, kiuj uzos tiun ĉi vojon konstruotan ekskluzive por aŭtomobila trafiko.

## La plej granda marprofundeco.

Antaŭ nelonge mezura ŝipo de la japana floto mezuris en la Pacifika oceano inter la bordo de Japanujo kaj la Bonin-insuloj la maron kaj konstatis profundecon de 9435 metroj. Tio estas la plej granda profundeco mezurita ĝis nun. Oni kredis ĝis nun, ke la plej granda profundeco de la maro troviĝas apud la Kuriloj, insulgrupo en la norda parto de l' Pacifiko, kie usona militŝipo konstatis profundecon de 8500 metroj.

## Nova giganta energio-produktejo.

En 1930 Novjorko denove havos la plej grandan energio-produktejon de la mondo. Ĝis tiam oni intencas finkonstrui la produktejon por 700 000 kilovatoj, kiun la New York Edison Comp. konstruas apud la East River (Orienta Rivero). La konstrukostoj estas taksitaj je 50 milionoj da dolaroj. Ĝis nun la plej granda energio produktejo estas Goldenbergwerk apud Kolonjo (Germ.) kun 400 000 kilov.

## La lumreklamo.

La lumreklamo estas la plej moderna kaj la plej efika el ĉiuj reklammanieroj. Oni jam ne povas imagi grandurbon sen la ekbrilantaj, mallumiĝantaj kaj reaperantaj firmtabuloj, la kurantaj elektraj literoj, la kolorŝanĝantaj reklamoj pri iu ĉokolado, likvoro, aŭtomobilo k. s., la lum-ornamitaj fenestroj, fasadoj kaj konturoj de kafejoj, teatroj, kinoj, magazenoj. Plej efika nuntempe estas la reklamo de la aŭtomobila firmo „Citroën“ sur la Eiffel-turo en Parizo, por kiu estas instalitaj 50 000 lampetoj. Kiel konate, ankaŭ la pasintjara „Gesolei“-ekspozicio en Düsseldorf (Germ.) dankis sian bonan financan sukceson grandparte al la riĝega apliko de la lumreklamo, per kiu ĝi sorĉis vespere sian vastan terenon je fea paradizo kaj sian palacaron kun la granda iluminita Rejnponto je vere fabela urbo. La lumreklamo estas marŝanta kaj festos ĉiam pli prandajn triumfojn.

# Diversaĵo.

## La Internacia Domo en Novjorko,

kiun ni jam menciis en nia novembra numero (en ĝi s-ino Dave H. Morris, naskita Vanderbilt, parolis antaŭ pli ol 600 studentoj diversnaciaj, el kiuj 111 aliĝis al Esperanto-kurso), tiu Internacia Domo estas vere bonega hejmo por studentoj. Ĝi estas konstruita en 1923, per subvencio de s-ro John D. Rockefeller juniora. Kuŝante apud la silenta, potenca Hudson-rivero, kontraŭ la monumenta Tombo de Grant, kiu portas la vortojn „Let us have peace“ (Ni havu pacon), ĝi mem estas granda monumento de paco, portanta super la pordego la surskribon „That Brotherhood May Prevail“ (Ke frateco regu). La Internacia Domo havas 20 etaĝojn sub- kaj superterajn kaj loĝigas ĉ. 600 studentojn el 70 nacioj. La virinoj loĝas en la maldekstra parto kaj la viroj en la dekstra. La domo estas sidejo de Interkolegia Kosmopolita Klubo, kiu havas ĉ. 1500 membrojn. La klubo tre favoras Esperanton.

## Ankoraŭ ekzistas aventuroj.

La 9-an de februaro okazos antaŭ la milita tribunalo en Meknes proceso kontraŭ la eksĉefo de l' generalstabo de Abd el Krim, El Hadj Aleman, kaj estas verŝajne, ke tiu ĉi plej grandstila aventuristo de l' nuntempo estos kondamnata je mortpuno. La vera nomo de El Hadj Aleman estas Joseph Klems, kaj li naskiĝis en Düsseldorf (Germanujo). En la jaro 1914 li dezertis el la germana armeo kaj aliĝis al la franca Fremdula legio. Pro sia eksterordinara braveco li baldaŭ avancis kaj fariĝis armea trezoristo. Post defraŭdoj li dezertis el la Fremdula legio, kaj estis akceptata ĉe la triboj de l' Rifo. Per sia inteligenteco li sukcesis avanci je ĉefo de l' generalstabo de Abd el Krim, kaj multaj gravaj operacioj kontraŭ la francoj kaj hispanoj en Maroko estas lia verko. Kun la falo de Abd el Krim ankaŭ la stelo de El Hadj Aleman (alinome Joseph Klems) estingiĝis, kaj nun la brava aventuristo atendas sian kondamnon.

## Iom da statistiko pri Parizo.

Laŭ raporto de la urba konsilanto s-ro Emile Massard, dum la jaro 1926 ekloĝis 70 798 fremduloj en Parizo, inter ili 13 522 italoj kaj 6 444 rusoj. En la sama jaro okazis en Parizo 1341 sinmortigoj, 429 personoj estas mortigitaj de tramvagonoj, aŭtobusoj aŭ aŭtomobiloj kaj 3395 grave vunditaj, 164 personoj estas atence mortigitaj kaj 308 vunditaj. 2000 hundoj estas kaptitaj kaj kondukitaj al la urba hundogardejo, el ili nur 984 estas aĉetitaj. Estas trovitaj 159 898 objektoj, inter kiuj pli ol 30 000 pluvombreloj. Fine, okazis 229 gravaj ŝteloj; 944 aŭtomobiloj estas ŝtelitaj.

*Alo*, Paris.

## Ĝis nun 127 Nobel-premioj.

Dum la 25-jara ekzistado de la Nobel-fondaĵo estas disdonitaj entute 127 premioj, el kiuj ricevis Germanujo 28, Francujo 21, Britujo 15, Svedujo 9, Svislando 8, Usono 7, Aŭstrio kaj Nederlando po 6, Belgujo kaj Danujo po 5, Italujo kaj Norvegujo po 4, Hispanujo 3, Kanado kaj Polujo po 2, Hindujo kaj Ruslando po 1.

## Kiun aĝon atingas bestoj?

La metuzalemoj inter la bestoj estas la krokodiloj kaj testudegoj, kiuj atingas aĝon de 300 jaroj. Elefantoj kaj balenoj povas atingi 200 jarojn. 100 jarojn kaj pli atingas azeno, aglo, papago, ansero, cigno, karpo kaj ezoko; 50—60 jarojn ĉevalo, 40 jarojn bufo, 25—30 hundo, 25 bovo, 20—22 kato, 20 koko, 10—15 formiko, 10 jarojn vermo. Plej mallonge vivas la efemera muŝo; ĝi mortas la saman tagon, en kiu ĝi naskiĝis.

## Grava skeletrovo en Orienta Afriko.

Brita paleontologia ekspedicio trovis en Nakuru (Orienta Afriko) bone konservitan skeleton de sidante enterigita viro, kiu ne estas ano de la negra raso. Kun la skeleto oni trovis pli ol cent ŝtonajn objektojn. La aĝon de la skeleto oni esperas konstati per esploro de la tertavolo, en kiu ĝi estis enterigita.

# Lingva tasko.

## Korektota teksto.

(En la sekvonta anekdoto devas esti aldonataj la vortoj mankantaj kaj signitaj per streko.)

### Senpaga vespermanĝo.

Viro kun tri — eniris en restoracion. Ili altabliĝis, kaj post rigardo al la menuokarto la viro vokis la kelnerinon kaj mendis kolbasojn por ĉiuj. Kun ĝoja — la infanoj manĝis la —, la viro ankaŭ.

„Ĉu mi — pli da kolbasoj?“ demandis la — la infanojn.

„Jes, certe,“ ili ĥore ekkriis.

„Kelnerino! Pli da — por la — kaj kruĉon da biero por —!“

Post plenumo de la mendo, la — trinkis la — kaj diris al la —: „Estu bonaj infanoj, finmanĝu viajn — kaj restu ĉi tie! Mi eliros por — sukeraĵojn por vi kaj revenos — du-tri minutoj.“

Pasis du, tri, kvin, dek —, kaj la — eksilentis. Alproksimiĝis al ili la — kaj —, ĉu — scias, kiam ilia — revenos.

„Patro?“ ili —. „Tiu viro ne estas nia —. Li renkontis nin ekstere sur la strato kaj — nin, ĉu ni ŝatus manĝi kolbasojn, kaj kiam ni respondis, ke jes, li — nin ĉi tien.“

Kompreneble la — neniam —, kaj per tiu ruzo li havigis al — kaj al la — bonegan — senpagan.

(Komunikis *Floro*, Londono.)

## Solvo

el la decembra numero.

La saloneto estis ornamita per maro da floroj. Ĉie ili kuŝis sur la planko, sur la tablo, sur la divano, sur la seĝoj — eĉ sur la muroj kaj de la plafono ili pendis. La tuta ĉambro estis kvazaŭ sorĉe ŝanĝita je kolorĝoja, ebriige bonodora florĝardeno. Kaj en tiu ĉi florĝardeno la knabino mem estis la plej bela floro. Kaj ankaŭ ŝi portis kronon de ruĝaj petaloj sur la kapo, de kiu la malligita nigra hararo fluis en grandaj ondoj ĝis la zono. Kaj ĉe la zono ŝi portis same ruĝajn florojn.


# Vidi kaj mendi!

Se vi ankoraŭ ne konas la neŭtralan **ĉiusemajnan** organon de la Esperanto-movado, petu tuj senpagan specimenon! Neniu grupo, neniu propagandisto, neniu, kiu intense interesiĝas kaj okupiĝas pri la Esperanto-movado, povas ĝin malhavi. Skribu eĉ hodiaŭ al la administracio de

**Heroldo de Esperanto, Horrem bei Köln.**



# Liliput-Stelo

la plej malgranda (½ cm) kaj tamen efika insigno sur pinglo.
(Verda stelo sur blanka cirklo.)
Prezo RM 0.60 plus 0.20 por afranko
(Germanujo kaj Aŭstrio 0.10).

**Heroldo de Esperanto, Horrem bei Köln**
Libreja fako (Germanujo).


# Anoncetoj.

(Klarigoj: L = leteroj, PK = poŝtkartoj, PI = poŝtkartoj ilustritaj MP = poŝtmarkoj, MB = monbiletoj, kĉl. = kun ĉiuj landoj, bfl. = [Poŝtmarko] bildflanke.)

CLACTON-ON-SEA, Anglujo, Pensiono. Konstanta aŭ dumtempa loĝado. Apud la maro, butikoj kaj stacidomo. Altklasa establejo. Ĉiu hejmkomforto. Petu tarifon (anglan aŭ esperantan) de f-ino Thorne, Granville House, Granville Road.

PRO MORTO de mia patro mi bedaŭrinde ne povas skribi nun al ĉiuj gekorespondantoj. Tial mi ĉi-voje, kvankam iom malfrue, deziras al miaj gekonatoj ĝojigajn festtagojn kaj bonan novjaron. Josef Isner, studento de farmacio, Nürnberg 5, Egidienplatz 22-II, Germanujo.

NOMŜANĜO. Ni sciigas niajn gekorespondantojn, ke depost nun nia familia nomo ne plu estas **Manner**, sed Selma, Ilmari, Olli, Liisa kaj Leena **Virkkala**, en Laihia, Finnlando.

S-ro José Ordiñana, str. Rosendo Nobas 17,2, Barcelona, Hispanujo, sekr. de „Esp. Amikeco“, deziras korespondi per PI.

S-ro Leo Zeilinger, 20-jara, Wien XIV, Pereiragasse 17/5, Aŭstrio, deziras korespondi per L kaj PK.

Kun belaj fraŭlinoj deziras korespondi fraŭlo W. Orlicki, Warszawa, str. Pulawska 26/28, Polujo. [1

Kun diverslandanoj interŝanĝas PI s-ro E. Jaraczewski, Warszawa, str. Chmielna 89, loĝ. 28, Polujo. [1

Preben Wissing, „Mia nesto“, Rygardsallè, Hellerup, Danujo, deziras interŝanĝi PM kun la tuta mondo. El Germanujo la plej novajn. Se vi sendas per rekomendita letero, mi faros la saman kun garantio por respondo. Komencu tuj! [1

F-lo José Grifé, 16 jaroj, librotenisto, str. Manresa 19, Monistrol de Montserrat, Hispanujo, deziras interŝanĝi PI kĉl 4]

S-ro Kiril Uzunov, Petriĉ, Bulgarujo, deziras korespondi kaj interŝanĝi PI, L kaj gazetojn kun ekstereŭropanoj.

S-ro Koĉo Zipoŝliev, poŝtisto, Petriĉ, Bulgarujo, deziras korespondi kaj interŝanĝi PI kaj L kĉl. gesamideanoj.

S-ro Angel Stoev, Petriĉ, ul. Ĉarŝi n-ro 100, Bulgarujo, deziras korespondi kaj interŝanĝi PI kaj L kun ges-anoj el ĉiuj landoj.

Juna f-lo Stojan Vasilev, Begleŝ-Plevensko, Bulgarujo, deziras korespondi kĉl. kaj interŝanĝi nur PI, vidaĵojn, pejzaĝojn, panoramojn kaj esperantlingvajn naciajn gazetojn. Respondos tuj kaj akurate.

Fraŭlo J. E. Viner, „Carrigart“, Waxwell Lane, Pinner, Anglujo, volas korespondadi kun tutmondaj samideanoj en esperanta, angla aŭ franca lingvoj.

S-ino edzino de Karlo Schönwald, Budapest VII, Angolu. 3a-3 7, Hungarujo, deziras korespondi kun iom lingvospertaj gesamideanoj en la tuta mondo.

Du fraŭlinoj, instruistinoj, deziras korespondi per L ka PK kun gesamideanoj el la tuta mondo. Skribu al Mara Panova kaj Ivanka Lakova, Sadovec per Teliŝ, Bulgarujo.

Se vi sendas interesan PK al s-ro A. Wissing, „Mia nesto“ Rygaardsalle, Hellerup, Danujo, vi ricevos PK de lia domo. [1

Du junaj amikinoj f-inoj Arbaĥ Aleksandra kaj Kosteckaja Elena, deziras korespondi kĉl per PI kaj L kaj interŝanĝi muzikaĵojn. Nepre respondos. Ostrovidova 61, Strudŝkola, Odessa, Rusujo.

S-ro Robert Bönsch, Bratislava, Untere Kramer 695, Ĉeĥoslovakio, deziras korespondadi kĉl. Respondo garantiata.

S-ro Hideo Jamanaka, Osaka, Centra Telegrafejo, Japanujo, deziras interŝanĝi telegrafajn paperojn nur kun getelegrafistoj. Ne sendas unue. Certe respondos.

S-ro Bazilo Manjko, Ekaterinoslav, Skvoznaja 22, Rusujo, deziras korespondadi kĉl. pri Radio, muziko kaj pri laborista vivo. Respondo garantiata.

S-ro Francisko Csauth, Novi Sad, Poŝtanski pretinac 116, Jugoslavio, korespondas per PI (bfl.) nur kun jenaj landoj: Brazilio, Bolivio, Danujo, Danzig, Resp. Dominiko, Egiptujo, Grekujo, Gujano, Madagaskaro, Monako, Norvegujo, Portugalujo, Panamo, Svisujo, Turkujo kaj Venezuelo.

S-ro Aug Errlen, La Mayenne 68 Grande rue à Mayenne Francujo, deziras korespondi por plibonigi sian scion kaj interŝanĝi vidaĵkartojn kun germanaj gesamideanoj. Tuj kaj certe respondos.

S-ro Eduard Forst, Sadowa Wisznia, Polujo, deziras interŝanĝi PM kun la tuta mondo. Respondas ĉiam senprokraste.

S-ro Miĥaelo Vlasov, Ekaterinoslav, Kajdaki 3 ulica 5, Rusujo, deziras korespondi kĉl. pri ĉiuj temoj. Respondo garantiata.

Laŭleĝe deviga teksto germanlingva: Verlag und Druck (Eldonejo kaj Preselo): Gebr. Jung, G. m. b. H., Horrem bei Köln. Verantwortlicher Schriftleiter (Respondeca Redaktoro): Teo Jung, Horrem b. Köln